# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 24/01/2014 Cent kvardek naŭa Eldono 25/01/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 273** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

## Estontaj kompetentaj lingvistoj aŭskultas la Retradion ĉiun tagon (Mezurado de la aŭskultado donas gravajn informojn)

12/01/14 elsendita http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



Por konstati kiom da homoj en kiuj landoj aŭskultas kiun sonartikolon, la retejoj Blogspot kaj Soundcloud disponigas ampleksajn statistikajn datumojn. Tiel eblas ricevi la nombrojn de la vizitantoj sur la retpaĝoj de Blogspot kaj paralele al tio eblas vidi kiom da homoj alklakis la koncernan sonigilon de Soundcloud por ankaŭ aŭskulti tiun sondosieron ktp ktp

*(Cetere ĝis la 2 lastaj alineoj jen sube)*

Ankaŭ pri tio mi havas fortan supozon kial tio povas esti. En Hungario Esperanto estas elektebla lingvo kiel antaŭfako por universitataj studoj. Miloj da gestudentoj ĉiujare lernas Esperanton kaj plejparte poste denove forgesas ĝin, ĉar mankas al ili la kontakto al la lingvo.

Tiun truon parte ŝtopas la Esperanta Retradio, ĉar ĉiutage aperas nova interesa sonartikolo en digestebla longeco. Tiel Esperanto por gestudentoj fariĝas publike perceptebla. Tio certe levas la prestiĝon de Esperanto, ĉar nun ne plu eblas aserti ke

Esperanto ne plu aperas en publikaj komunikiloj kiel lingvo por aktualaj temoj kiuj estas interesaj por homoj de diversaj aĝogrupoj. Ctrl✚alklaku la ligon, kaj aŭskultu

# El Brazilo

Tre kara samideana amiko Roger Springer

Mi pardonpetas pro la malfrua reago. Dum la lastaj tagoj ni multe laboris cele al partopreno de Legio de Bona Volo en la ĉijara Brazila E-Kongreso, kiu okazos ekde la 24-a Januaro en la urbo Florianópolis, en la suda regiono de Brazilo.

Ni tutkore dankas Vin pro sendo de via riĉenhava bulteno, en kiu aperas nia informo pri 2 gravaj tutmondaj tagoj, kun invito por legi artikolojn de la verkisto Paiva Netto.

Ni prezentas nian dankon per la jena eldiro de la direktoro-prezidanto de Legio de Bona Volo, José de Paiva Netto:

-------------------------------

***"Ĉiu tago estas oportuna tago por renovigo de nia destino. Tamen, estas nepre necese ne kredi pri nesupereblaj malfacilaĵoj kaj neniam malvigliĝi ĉe Bonfarado".***

-------------------------------

Kun estimo kaj fratamikaj salutoj

Maria Aparecida www.bonavolo.com

# Atentu, aŭstralianoj!



Pro la (malbona) angla lingvo bonaj aŭstraliaj Esperantistoj faras nur (malgrandajn) erarojn pri la jena problemeto en Esperanto.

La angla lingvo estas aglutina lingvo, kiel Esperanto, sed ĝi disvolvis en la lastaj jarcentoj propran regulon por obei tiun aglutinecon. Tiu propra regulo, unu el la pluraj, ne alproksimigas ĝin al la neaglutinaj reguloj de aliaj lingvoj (ekz. la franca), en kiuj oni formas novajn esprimojn por novaj nocioj laŭ la analiza metodo: un drap de table.

Temas pri la regulo aglutina, ke por novaj nocioj oni kreas novajn vortkunmetaĵojn el ekzistantaj radikoj, laŭ la procedo ke la ĉefelemento formas la lastan parton de unuvorta kunmetaĵo: tablotuko (tablotuko ne estas tablo, sed ĝi estas tuko, speciala tuko por tabloj). La regulo postulas tri obeendaĵojn: 1) La prepozicio (de, por, ktp.) forfalas (kvankam ne necese, kaj ne ĉiam); 2) La du pliaj elementoj (=ĉefelemento "tuko" kaj flankelemento "tablo" formas unu solan vorton en kiu la ĉefelemento (tuko) troviĝas laste; kaj 3) ke oni aldonas ne la vorton sed la sencon "speciala" al la ĉefelemento (= "speciala tuko" por tabloj).

Nu, (nur) la angla membro (kaj iomete la nederlanda) de la familia grupo de aglutinaj lingvoj ŝanĝis unu el la tri reguloj, nome tiun kiu diras ke la du elementoj formas unu solan

vorton. Tio okazas nuntempe tre ofte, sed ne ĉiam. Do anstataŭ "tablecloth" ĝi emas diri "table cloth". La aliaj reguloj tamen plu obeatas: la prepozicio forfalas (sed ĝia senco restas); la senco "speciala" aldoniĝas, kaj nature la ĉefelemento ("cloth") plu troviĝas laste ("table cloth" = speciala "cloth por tabloj"). La rezulto estas, ke ofte du interrilataj substantivoj sekvas aparte unu la alian (table cloth), kio ne eblas en la ortodokse aglutinaj lingvoj (kiel la germana kaj Esperanto).

Do kelkaj bonaj Esperantistoj tamen anglismigas Esperanton per tio: Mi renkontis "Esperanto Federacio de Viktorio" kaj "Melburno-Esperanto Klubo", kiuj devas esti "Esperanto-Federacio" kaj "Melburna Esperanto-Klubo".

Aŭstraliaj Esperantistoj, atentu pri tio. Do du apartaj sed interrilatantaj substantivoj neniam troviĝas kune nude, sed aŭ kun streketo, se temas pri propra nomo: "Kanbera Kafo-Klubo", aŭ en unu kunmetita vorto, se temas pri komuna nomo: "tiu kafoklubo".

Marcel Leereveld.

# "Kanbera Esperanto-filmfestivalo"





Dum la AEA-somerkursaro ja ankaŭ okazis la "Kanbera Esperanto-filmfestivalo". Tie la filmo "Esperanto Muzikigas Vian Vivon" de Ding Xiaosong el Pekino gajnis la unuan premion de la rigardantoj. Aŭstralia Esperanto-Asocio kreis atestilon kaj pagis simbolan monpremion de 50 Aŭstraliaj dolaroj al la gajnanto.
Du ĉeestantoj, Jonathan Cooper kaj Marc Schmidt skribis pri ĝi por Esperanto aktuell.



Atestilo

La Aŭstralia Esperanto Asocio konfirmas, ke la filmo

**Esperanto Muzikigas Vian Vivon de Ding Xiaosong**

gajnis la **unuan premion de la rigardantoj** de la Kanbera Esperanto filmfestivalo.

Kanbero, la 7a de Januaro 2014

La prezidanto de la Aŭstralio Esperanto Asocio

Rainer Kurz Organisanto de La filmkonkorso

o Oni povas senpage mendi pliajn DVD-ojn je rainer.kurz@esperanto.de.
o Donacoj por la projekto eblas al la konto de „Mondo Stiftung / Rainer Kurz Stiftung", IBAN:DE 2160 0901 0001 5110 0004, BIC:VOBADESS, Volksbank Stuttgart, Ĝirteksto: „Donaco por DVD-projekto de Rainer Kurz la fondaĵo".
o La filmoj ankaŭ estas videblaj ĉe www.youtube.com/user/Filmkonkurso kaj http://esperanto.cri.cn/other/wsp/index.htm
o Volonte mi povas fari similan „filmfestivalon" en Sidnejo aŭ alia Aŭstralia urbo. Rainer

## Tre bona ĝisdata rakonto de lingvaj spertoj, en la angla

http://blog.emacsen.net/blog/2014/01/23/fearing-french-and-embracing-esperanto/

Trovis Nicole



# Kelkaj el la Kanberaj fotaĵoj estas elŝuteblaj ĉe

http://www.flickr.com/photos/8446910@N06/sets/72157639862272344/

Amike Kam Lee





# LA LIBROSERVO FUNKCIIS






Ĉu havi aŭ nehavi AEA-libroservon estis unu el la temoj, pri kiu la partoprenintoj de la ĵus pasinta AEA-kongreso + somerkursaro diskutis – kaj ne findecidis. Havi libroservon dum la aranĝoj estas alia afero kaj laŭ mia sperto ĝi certe meritas JES-on.

La nuna libroservo vendis varojn en valoro de preskaŭ $800. Inter ili estis aĵoj de la adelajda libroservo, libroj alportitaj de Kam Lee, de Marcel Leereveld, Marc Schmidt, de





indonezianoj, de nepalanoj kaj de la AEA-stoko. Estis bone vidi la esperantistojn kun intereso trarigardantajn la vendotaĵojn, foliumantajn en libroj, demandantajn pri certaj titoloj aŭ temoj – kaj aĉetantajn.
K.Steele

# Ursula Halo, Aŭstralia Nacia Universitato



Mi devas peti pardonon de mia amiko Bob sed ankaŭ devas korekti iun eraron en lia raporto pri la kongreso por eviti miskomprenon de iu leginto.
Ursula Halo troviĝas ne en "la Universitato de Kanbero" sed sur la tereno, kaj estas kolegio, de la Aŭstralia Nacia Universitato. La ANU sendube *estas* unu el la universitatoj de Kanbero sed la "Universitato de Kanbero" estas aparta universitato en pli fora antaŭurbo. Amike, Huigh



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.

18a Januaro: venis 7 . Roger Springer, John Casey, Rainer Kurtz, Ian Wylles, Eunice Graham, Ljiljana kaj Oktavijan Popovic, du vizitantoj el Serbio





# Esperanto-Domo en Sidnejo

Dimanĉon la 19an de Januaro 2014 11 venis
Interalie ni diskutis pri Esperanto-TV
EFNSK sugestis ke la TV-teamo povos uzi la kuirejon kiel studion.
Ĝi havas eksteran pordon kaj ili povos meti novan ŝloson sur ĝi sed la interna pordo al Esperanto-Domo nur ŝloseblas je la flanko de Esperanto-Domo.
Dum prova periodo iu ajn en la Esp doma flanko rajtos eniri kaj uzi la kuirejon. Aŭ ili povus konstrui novan simplan kuirejon en la granda ĉambro.
Poste la nova studio povos esti uzata nur de la TV-teamo ĝis EFNSK petos la redonon de la prunteprenita ĉambro.

# SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO

# el Indonezio

> Mi legis novaĵon ke la varmego en Aŭstralio plialtiĝas, kaj kelkaj areoj/arbaretoj jam

brulis. Kiel vi ĉiuj fartas nun? > Mi certe esperas ke ĉiuj fartas bone. >
Amike, Andre Samosir

# Demando pri AEA Raporto en AE147



Mi citas: La membroj de AEA decidis hodiaŭ (75%) ŝanĝi la organizon de entrepreno ree al asocio. Nova ĉapitro komenciĝas ... **"Kaj la voĉdono por nova estraro kaj ŝtataj reprezentantoj ?**

Gordon Coleman Adelaide Tottenham Boy in Exile

# El HoChiMinh

Estimataj samideanoj en Aŭstralio
Mi jam bone revenis hejmen.
Mi elkore dankas viajn afablajn, intimajn akceptojn, kaj bonajn prizorgojn por mia restado en via lando.
Mi havis kelke da aventuroj dum mia vojaĝo sed dank'al viaj entuziasmaj helpoj ĉio estis en ordo.
Hodiaŭ vespere, ĉe oficejo de HoChiMinh Esperanto-Asocio mi renkontiĝos kun kelkaj esperantistoj.
Mi rakontos al ĉiuj pri mia vojaĝo en ĉarma esperantujo en Aŭstralio.
De tempo al tempo mi skribos al vi pri E-o movado en mia urbo kaj lando.
Kaj mia unua skribo estos mia impreso pri mia vojaĝo en Aŭstralio.

Miaj estimataj, Bv.pacience atendu ĝin. Koran dankon
Sanon kaj feliĉon al vi ĉiuj
Sincere via, Kieu

# Filmkonkurso-vespero ĉe la Kanbera kongreso

Merkredon, la 7an de januaro, dek kvar filmoj el la 'Kurtfilmkonkurso pro la 125a jubileo de Esperanto' prezentiĝis ĉe nia Aŭstralia Kongreso kaj Somerkursaro de Esperanto, en Kanbero. La prezento, kiun kondukis Rainer Kurz, la estro de la kurtfilmkonkurso, fakte iĝis filmkonkurseto: ni ĉeestantoj elektis niajn plej ŝatatajn filmojn kaj la venkanta filmo gajnis la premion 'Aŭstralia Populara Elekto'. Kurz intence preterlasis la efektivan gajninton, 'Pasporta Servo!', por ke aliaj filmkreantoj havu pli bonan ŝancon.

La stiloj de la filmoj variis larĝe: estis filmoj realismaj kaj nerealismaj, amuzaj kaj seriozaj, simplaj kaj kompleksaj, en Esperanto kaj pri Esperanto. Estas eĉ filmo, en kiu oni ludas kun katoj al la muziko de Emanuele Rovere ('Mia kato'). Tiu filmo mirigis pro sia malserioza frenezeco!



*Filmero de la venkinta filmeto en la 'Aŭstralia Populara Elekto'*

Je la fino, ni premiis la filmon de Ding Xiaosong, 'Esperanto muzikigas vian vivon', pri la veterana ĉina esperantisto kaj Esperanto-instruisto, Li Weilun. La filmo havas plaĉan, ludan senton. Interese, la muziko estas ne en Esperanto, sed en la angla ("Everyday it's-a gettin' closer...").

Filmo ja estas komunikilo vere taŭga por la internacia lingvo; oni esperas ke pliaj tiaj eventoj okazos. Rainer Kurz kreis sekvindan modelon por similaj eventoj.

Originale eldonita en *Esperanto Aktuell*, Deutscher Esperanto-Bund



Amike, Jonathan
(Jonathan Cooper verkis por la revuo de la Germana Esperanto-Asocio)

# Ni havis lingvan festivalon

Kadre de la januara Somerlernejo okazis kelkaj neniam antaŭe spertitaj programeroj. Inter ili elstaris la Lingva festivalo. Pluraj el la ĉeestantoj spertis festivalon la unuan fojon. Tiel ni ne nur eksciis iom pri diversaj lingvoj, sed lernis ankaŭ kiel mem organizi tian aranĝon. Espereble multaj inspiriĝis.

**AEA – 2014 - Congress - Language Festival**
**8 January 2014**

**CSIRO Discovery Centre, Clunies Ross Street, Black Mountain**
**The Gallery and The Boardroom**

| | **Room 1** (Auditorium) | **Room 2** (Board Room) | **Room 3** (The Gallery) |
|---|---|---|---|
| 1:30 pm – 2:00 pm | Enkonduko al la "CSIRO Discovery Centre" | | |
| 2:00 pm – 2:30 pm | Esperanto (Trevor Steele) | Artfaritaj lingvoj (Jonathan Cooper) | Australiaj Indigenaj Lingvoj (Sandor) |
| 2:35 pm – 3:05 pm | Vietnama (Duong Tu Kieu) | Germana (Rainer Kurz) | Korea (Nohill Lee - Lumera) |
| 3:05 pm – 3:15 pm | Akvopaŭzo | | |
| 3:15 pm – 3:45 pm | Ĉina (Daniel Kane) | Hungara (Gabor Markus) | Slovaka (Katja Steele) |
| 3:50 pm – 4:20 pm | Angla (Marc Schmidt) | Nepala (Bharat Ghimere) | Indonezia (Andre Samosar) |
| 4:25 pm – 5:00 pm | Lingva kvizo | | |

Surfote:
1, la programo de la festivalo
2, Sandor Horvath parolas pri aŭstralia indiĝena lingvo
3, Nicole Else transdonas sian libron kiel premion por la gajninto de la kvizo.

Katja Steele









## La arĥivo bezonas helpon





Skatoloj da libroj nun ĉe Esp Domo 2014

Skatoloj da libroj Melburno 2012



## Gwenda Sutton



Gwenda Sutton el Wellington pace forpasis la 18-an de januaro je la aĝo de 89. Gwenda estis dum multaj jaroj tre aktiva membro de NZEA, ĉefdelegito de UEA en Nov-Zelando, instruis Esperanton al centoj da nov-zelandanoj, kaj vigle propagandis pri Esperanto. David Ryan de NZEA parolis pri Gwenda kaj Esperanto dum ŝia funebra ceremonio.
David Ryan

# Kastelo Greziljono

deziras al ĉiuj sukcesan jaron 2014 per tiu salutkarto bondeziro2014.jpg
Bonvolu konsulti nian jaran agendon kun interesaj renkontoj en ĉiuj sezonoj: gresillon.org/agendo




## Bonaj novaĵoj el Kanbero!

A.E.A. estis tre malsana dum la lastaj dek jaroj. La Estraroj eksigis aktivajn Esperantistojn, kaj krome sekrete elspezis senutile multegan monon. Sed antaŭ preskaŭ du jaroj Ivan kaj Heather Heldzingen (ankaŭ elĵetitaj), kaj poste Henry Broadbent, havis la kuraĝon retromembriĝi al AEA por helpi la adelajdanojn kaj kelkajn sidneanojn kuraci AEA. Tio rezultis en enoficigon de nova Estraro.

Tiu vojo al kuracado de AEA nun alvenis al grava punkto, nome ke la membraro de AEA decidis refariĝi Asocio post ok jaroj da mizera Kompanieco. Pro tio nun, post ok jaroj, remembriĝis al la Asocio ankaŭ la jenaj longtempaj kaj famaj Esperantistoj Ron Gates (antaŭa Prezidanto), Bernhard Heinze (antaŭa Estrarano), Alida Leereveld (membro el antaŭ la jaro 1952) kaj Marcel Leereveld (dufoje Prezidanto kaj dufoje Vicprezidanto), kaj deko da aliaj eksmembroj. Ni esperas ke la sanstato de AEA nun definitive pliboniĝos.



Ni tamen devos esti tre zorgemaj, ke en la estonteco la samo ne okazos kiel en 2006. Tia malbona ŝanco facile okazos, pro la malforteco de la nuna Estraro, kies plejmulto simpatiis (kaj nature plu simpatias) kun Igor, kaj pro la Igoranoj, kiuj plu ankoraŭ ne petis pardonon pri sia kalumniado de honestaj membroj de AEA, kaj do evidente opinias, ke tia kalumniado estu bonvena en AEA.

Do, kunmembroj de AEA, ĝoju nun sed ne falu duan fojon en la saman truon!

Marcel Leereveld.

# Anonco.

Dum la Kanbera Kongreso en unu el miaj prelegoj mi menciis, ke ekzistas almenaŭ du interretaj grupoj kiuj okupiĝas pri teni Esperanton sendanĝera de Ido-similaj ŝanĝoj. Jen estas la adresoj:

1). <la-bona-lingvo@googlegroups.com>, kiuj okupiĝas pri trovi ĝustajn aŭtentikajn Fundament'ajn vortkunmetojn por la multegaj neologismoj; kaj

2). tutmondeca-esperanto@yahoogroups.com, kiuj okupiĝas precipe pri la pura gramatiko de Esperanto.

Ne hezitu kontakti ilin. Marcel.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-01-23 - AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (22/01/2014) ĉeestis Esther, Heather, Indrani, Jim, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO EN 2015**

La NZanoj proponis, ke ni havu komunan kongreson en Aŭstralio en januaro 2015 kaj komunan kongreson en NZ en 2016.

Ni komencis serĉi taŭgan lokon en Novkastelo (Newcastle). Bv helpi, se vi havas ideojn.

*** PROPONO STARIGI ESPERANTO-TV**

Ni diskutis kaj esploris la proponon de iStreamMedia (Richard Delamore kaj Tim Stackpool) uzi ĉambron en Esperanto Domo.

Vigla diskuto….. diversaj vidpunktoj.

Ni invitis Richard kaj Tim al nia venonta Skype kunveno.

*** KOMPANIO – ASOCIO ?**

*** RETEJO**

Raporto pri la Kanbera Kongreso. Longa diskuto: Ni decidis enmeti ne ĉiujn, sed nur

kelkajn komentojn.
Ĉu ni uzu "flikr" por niaj fotoj? Jes

*** ESK**
Kam Lee preparas la venontan eldonon. Ĝi estas preskaŭ finita kaj esperebles ĝi atingos vin antaŭ kristnasko. Ĉu ni enmetu raporton pri la Kanbera Kongreso en la marta ESK?
Jonathan proponis google docs por ke ĉiuj povu vidi kio okazas.

Esther, Heather, Kam Lee, Indrani, Jim, Jonathan, Margaret, Sandor

# Forpaso de Gwenda Sutton – multaj libroj haveblas

Saluton

Eble kelkaj el vi ankoraŭ ne scias ke Gwenda Sutton el Wellington mortis pace la 18-an de januaro.

Gwenda lasis grandan stokon da libroj, gazetoj, kaj diversaĵoj kiuj nun troviĝas ĉe mi. Bonŝance, Gwenda petis pasintan jaron ke membro de la familio preparu katalogon (ĉi-kune).

Bonvolu tralegi la katalogon kaj informu min se vi volas ion. Mi havas senpagajn poŝtmarkojn kaj, tial, mi pretas sendi pakaĵojn ien ajn en la mondo (tamen, bonvole sendu peton nur se vi havas veran bezonon). Pensu precipe pri amikoj en neriĉaj landoj kiuj eble volas ricevi lernolibrojn aŭ vortarojn. Ankaŭ en la stoko de Gwenda estas eroj kiuj eble havas historian valoron aŭ valoron por homoj kiuj kolektas esperantaĵojn.

Bonvolu rapidi. Mi havas proksimume 50 skatolojn kaj mia edzino plendos se ili restos tro longan tempon ĉe ni!

Bondezire David Ryan <ryangomez@xtra.co.nz>

(Vidu kunmetitan liston sendata kun AE149)

